Nº. 392

# LA SKOLTA MONDO

**OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTISTA LIGO**
**·FONDITA EN 1918·**



*Fondinto:* "Avoto", *Kunfondinto:* J. W. Leslie.
Honoraj Prezidantoj: "Avoto", Norman Booth, Kolonelo D. H. Davis. L. J. Van Gulck.

Prezidanto: DOUGLAS MURPHY, 7, Constable Road Ipswich, Anglujo.
*Sekretario:* J. K. HAMMER, *Taxustraat 7, Zaandam,* Nederlando.
Kasisto: DAVID H. WITHEY, 21 Brookfield Avenue, Waterloo, Liverpool 22, Anglujo.
Ĉefredaktoro: PASTRO H. A. ROSBACH, Nergt. 37c, Kristiansund N. Norvegujo.

1918-  1968



**50 JAROJ**

Al
la membroj kaj amikoj de S.E.L.
En ĉiu urbo.
En ĉiu lando.

LA SKOLTA REDAKTORO

Karaj amikoj!
Nova jaro - kaj kiu jaro!
Jam nia S.E.L. havas 50 jarojn!
Koran gratulon, geamikoj!.
Nun mi nur havas demandon al vi:
Ĉu vi estas kontentaj? Ĉu vi povas proponi plibonigojn? Ĉu ni bezonas progreson? Ĉu - inter la miloj da skoltoj kaj skoltinoj - nia lingvo estas sufiĉe konata, priparolata, uzata?
Mi konas la respondojn.
Mi ankaŭ demandas: Kiu povas fari iom pli? Priparoli la lingvon al ankoraŭ du kamaradoj kaj rakonti pri la eblecoj, kiujn jam donas S.E.L., aŭ simple donaci iom pli da laborforto kaj mono?
Espereble ankaŭ tiu ĉi numero donas al vi ion. Kun ĉies helpo estas facile krei pli bonajn kaj pli grandajn numerojn.

Via

Hans Amund

## NOTOJ

NEDERLANDO. La Ministrejo por Eksterlandaj aferoj decidis aldoni tekston en la Internacia Lingvo al la 5 jam uzitaj tekstoj en naciaj lingvoj sur la vizitkartoj de la ambasadoj. La sama Ministrejo jam eldonis faldfoliojn kaj publikaĵojn en la Internacia Lingvo pri Nederlando.
BELGUJO. En Westmalle apud Antwerpen oni malfermis skoltan terenon "Drieboomkensberg" kie oni konstruos centran skoltejon kun loĝloko por 100 skoltoj.
BRITUJO. Nia Prezidanto estas invitita paroli pri Esperanto en la Internacia Skolta Klubo en Londono. Oni tien invitas nur gravaj parolantoj, do la invito estas granda honoro al Douglas Murphy kaj al S.E.L.
La Brita sekcio dum 1967 havis 47 membrojn, el kiuj 17 novaj. Eble la daŭraj informoj pri S.E.L. en "The Scouter" estas la plej grava instigilo al membreco. La sekcio havos sian nacian kunvenon en Manchester en la pasko dum Brita Esp. Kongreso.
NORVEGUJO. Pro la temo de la jaro "Skoltado trans la landlimoj" la gazeto "Speideren" akceptis artikolon pri S.E.L. La artikolo vekis intereson inter la norvegaj skoltoj.
INTERNACIE. Nova Ĉefulo de Monda Skolta Oficejo. La SEL-prezidanto skribis al d-ro Laszlo Nagy, nova Sekretario-ĝenerala (antaŭe Direktoro) por gratuli. Li ricevis afablan respondon kiu esprimas esperon pri amika kunlaborado.




OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTISTA LIGO

Volumo III, n-ro 24. 1-a jarkvarono 1968

# ORA JUBILEO.

Jubileoj ĉiam tentas al rigardoj malantaŭen. Ni deziras rigardi al niaj fondintoj kaj niaj pioniroj. Kaj prave ni volas honorigi ilin! Tamen ni kredas, ke ni plej bone honorigas la pionirojn per la rigardo antaŭen - dum ni al ni mem demandas: Kion mi povas fari?

En la jubilea jaro ni spertis jam ĝojon. La anglaj skoltoj aranĝos tendaron en Essex. La komisaro - mem neesperantisto - pro antaŭaj spertoj decidis enkonduki Esperanton en tiun tendaron, en gazeto, diservo ktp. La spertoj montras, ke alilandaj skoltoj ne sufiĉe regas la anglan.

Nia demando estas: Kiel ni utiligas tion ĉi?

Alia demando estas nia estonteco Ni bezonas monon. La angla mono estas devalorigita. Tio estas al ni perdo. Kiu volas kompensigi la perdon per jubilea donaco?

Se ĉiu donus duoblan kotizon en la jubilea jaro, ja baldaŭ venus pli grandaj eblecoj al nia laboro. Aŭ se iu - anstataŭ tulipoj havigus anoncojn?



# LA CELO DE SKOLTISMO 2

## PAROLAS: VERNERI «LOUHISUSI» LOUHIVUORI

La parolanto estas eks-ĉefskolto kaj Honora Skolto de Finna Knabskolta Asocio.
Seppo Tella tradukis.

La genion de B-P manifestas i.a. lia unua manlibro, formita konvene nedeviga, kiu speciale avertas nin pri imitado. Li intencis krei skolton, sendepende de nacieco. Kaj tial skoltismo, se ĝi volas atenti pri skoltoj de ĉiuj popoloj, unuiĝu kun la opa popolo, ties vivo, historio kaj cirkonstancoj; unuvorte: skoltismo estu nacia en la plej profunda senco de la vorto. Se ne la tuta skolta-sistemo estas iel nepersona, kaj same kontraŭviva.

La bazo de la *skolta* idealo, se ni *pensas* pri ĝia kerno en Skolta Promeso kaj Skolta Leĝo, ja estas internacia aŭ pli bone: supernacia. Ĝi frakasas la naciajn limojn same facile kiel religio, arto aŭ scienco. Tamen ni parolas pri nacia arto, kaj eĉ religio prunteprenas lokan koloron el ĉiu popolo. Tre konvena al skoltismo estas la diro "Estas la spirito kiu vivigas." La spirito de skolta idealo devas vidiĝi kun karno kaj ostoj ene de la junularo de ĉiu nacio, kaj tiam ĝi enhavu trajtojn karakterizajn al nacia kaj popola vivo.

Pro tio ankaŭ ni finnoj kreu kaj donu al internacia skoltismo nian propran kontribuon. Ju pli longe ni ĉi tie skoltadas, des pli bone nia strebado sukcesos.

Ĉi tiel skoltado ĉerpas siajn fortojn el naciaj fontoj, sed neniel volas uzi fortojn kontraŭ aliaj popoloj. Ĉi tian sanan kaj naturan - ankaŭ pravigitan - nacian senton oni ne intermiksu kun ŝovinismo, kiu inkluzivas ofte malamon kaj malŝaton, eĉ subpremémon. Tute male la skoltismo klopodas progresigi interpopolan bonvolon, emfazante senĉese la fratecon de la paco kaj popoloj.

Koncerne al rilato inter religio kaj skoltismo, ni povas rimarki, ke plej multaj skoltaj asocioj kaj organizaĵoj varme prenas en konsideron la religian vivon kaj la prizorgon de ĝi, sed samtempe ne ignoras Skoltan Leĝaron, kiu rigardas evidenta la respekton al konvinko de aliuloj. (En Finnlando iam estis multaj apartaj skoltasocioj pro religiaj aŭ lingvaj cirkonstancoj, sed nun nur unu granda, al kiu apartenas ĉiuj finnaj knabskoltoj.)

Religiaj aŭ naciaj aspektoj ne disigas la skoltaron, des malpli povas tion fari partiaj aŭ klasaj vidpunktoj. La politikaj aspiroj devas strikte esti tenataj for de skoltaj aktivaĵoj.

Sed esence apartenas al skoltismo celoj kiel ekz. flegado, helpado de socie malbonsortuloj, libera edukado ktp. Ekzistas i.a. skoltaj asocioj, kiuj aranĝas eblecon al malriĉaj knaboj pasigi somerferion en la kamparo.

En skoltismo la knaba karaktero plenvalore efektiviĝas kaj ĝuas plenan liberecon. Ne povas eĉ esti demando pri ia senanima formalismo.

Oni ne fariĝu skolto *nur* ĉar tio estas amuza, sed pro la fakto, ke per ĝi oni iĝos kapabla helpi la proksimulojn, sian hejmon kaj sian popolon.

Tial estas grave, ke juna patrolestro sciu, ke la estreco enhavas grandan honoron, sed samtempe grandegan respondecon. Kiel patrolestro li efektivigas sian unuan etkon indan vivocelon. Kaj li certe havas econ bezonatan.



Håkon same multe bezonis konvinki sin mem pri la nedanĝerode la situacio. Nun li iĝis tre bonhumora, kaj ripete priparolis ilian ekcititigan forkuron. Li priridis la policistojn pro ilia memfido, la domposedanto, kiu estas tiel frostema, ke li jam septembre havas koakson en la kelo, kaj li ankaŭ alie ŝercis tute nekredeble.

Jumbo estis kaptita, kaj baldaŭ ili kune ĝuis la memoron pri la okazintaĵoj kiuj ĵus preskaŭ ĝismorte timigis ilin.

Kiam ili disiĝis, ili interkonsentis renkontiĝi venontan posttagmezon. Håkon forestos el la lernejo, li diris. Tion li meritas post tiaj mensaj provoj.

Jumbo rapidis hejmen. Li ĉiam okulumis je persekutantoj, sed estis neniuj. Nu, estos agrablaj tagoj kun la ĉiama timo. Kaj ĉio okazis hazarde! Se li estus irinta kun Harald al Bislet la antaŭan tagon, aŭ se li restus endome, nenio okazus el ĉio. Sed li ja ankaŭ kulpis mem. Li flatis Håkon por amikiĝi kun li. Kaj spite al la travivaĵoj kaj kvankam li sentis, ke ne ĉio estas en ordo je Håkon, li ankoraŭ fieris pro la amikeco, kvankam ĝi certe ne estas profunda - flanke de Håkon.

Dume Håkon rigardis spegulon.

"Jumbo havos la respondecon. - vi estas senkuraĝulo, senkuraĝulo!" Li flustris al sia spegula bildo.

Kaj tion li diris serioze.

MANPREMO:

Håkon kaj Jumbo estis en la kinejo "Saga". La granda kineja konstruaĵo ĉe Odd Fellow estis malantaŭ ili, kiam ili ekvidis nejunan sinjoron kiun ili antaŭe vidis. La antikvaĵisto!

La knaboj ne kuraĝis spiri. Ĉu li rekonos Jumbon? Nun li estas tuj antaŭ ili, nun li ekrigardas ilin. Ne, li preterpasis sen plej eta signo de kompreno.

Håkon ne povis ne sin turni por rigardi lin. Li vidis la "malamikon" halti, sin preni al la kapo kvazaŭ pro subita ideo. Poste li faris kelkajn paŝetojn, ree haltis, kaj sin turnis. Kun necerta esprimo li sekvis la knabojn.

Estis ŝoko. Håkon eĉ pli timis nun ol en la kelo. Nevole li plirapidis.

"Ĉu ni ekkuru?" li flustris.

Jumbo palis. Ĉu li vere spertos esti arestita en la mezo de la homamaso - inter la gajaj homoj kiuj venadis el la kinejo? Li kapneis al la propono de Håkon.

Ne, ni vidu, ĉu li vere rekonas min. Se li tion faras, ni same bone kapitulaciu kaj esperu, ke la polico kredos al nia rakonto. Ni ja denove renkontos lin, eĉ se ni forkuros nun."

La antikvaĵisto preterpasis ilin kvazaŭ hazarde, kaj iris tuj apud ili. La knaboj silentis kaj atendis. Fine li aliris ilin. Oni povis klare vidi, ke li neniel certis. Tiam li sin turnis al Jumbo.

"Pardonu, ĉu vi povas diri al mi la vojon al Tullinløkken?" li afable demandis.

Håkon malkuraĝiĝis. La oldulo havas sufiĉe da prudento. Li volis aŭdi la voĉon de la knabo, kaj ĝin li certe rekonos. Ili devus esti forkurintaj.

Tiam Jumbo kreis surprizon al ambaŭ.

"Tullinløkken? Ĉu ne malantaŭ l'universitato?" li diris per dialekto el Bergen.

La antikvaĵisto ne povis kaŝi sian seniluziiĝon, kaj murmuris ion dum li foriris. Kiam li estis sufiĉe fora, Håkon frapis la amikon sur la ŝultro kun granda admiro.
"Bonege! Nun ni ne plu bezonas timi s-ron Metusalemo. Sed de kie vi havas tian brilan Bergen-prononcon?"
"De Bergen, kompreneble... Mi estis vizite tie dum la somero. Krome mi ja ne diris multajn vortojn."
"Sed sufiĉajn. Ĉu vi vidis lian humilan aspekton dum li foriris?"
La knaboj gajegaj hejmeniris. Håkon proponis al sia amiko kunpreni prunte ankoraŭ kelkajn librojn.
"Ankoraŭ ne estas la naŭa," li diris. "Mi havas abundon da krimromanoj, kaj vi certe povas trovi kelkajn nelegitajn."
Kvankam Jumbo ne deziris legi dum tiu ĉi momento, li kuniris, ĉar li komprenis la signon de amikeco.
Ekster la pordego staris longa 18-jara junulo. En la buŝo pendis cigaredo, kaj ŝajne li ne havis okupon, krom sekvi la fumon per la okuloj.
"Tagon, bandestro," li ironie salutis.
Håkon iom ruĝiĝis, sed ne respondis. Kune kun Jumbo li eniris tra la pordego. "Iru en la kavernon kaj trovu librojn," li diris. "Mi venos post momento. Nur volas iri al panjo por demandi al ŝia stato."
Li havis doloretan aspekton je la okuloj, sed sin turnis en provo tion kaŝi. Jumbo iris en la kavernon. Li konis la kaŝejon de la ŝlosilo, kaj sen malfacilaĵoj eniris.
La sentaŭgulo kun la cigaredo igis lin pensi. Estis unu el la knaboj de tiu ĉi strato, kaj li ne estis la sola kiu mokis Håkon. Ili ŝajne malŝatas, ke li evitas ilin, kaj ĉiam estas kelkajn kvartalojn for, kie Harald, Odd kaj Jumbo loĝas. Ili moke nomas lin "Etreĝo" kaj "bandestro", ĉar li preferas esti kune kun la pli junaj knaboj tie, ol kun la samaĝuloj tie ĉi. Kaj tio vere estas stranga afero, sed Jumbo bone kredis kompreni.
Håkon estas nature gvidanto kaj plej bone fartis, kiam li povis komandi. Li scipovas organizi, kaj li trovis uzon de la kapabloj dum li gvidas bandon de pli junaj knaboj. Li ricevis malbonan reputacion, kaj certe ne estis unu patrino, kiu ne zorgeme avertis siajn knabojn. Sed je kia utilo? Ili admiris Håkon, jes, li estis ia idolo. Esti lia amiko estis neatingebla, eĉ al Odd Sten. Li estis gvidanto, kaj nur gvidanto. Al Jumbo tio estis novaj pensoj, sed nun li komprenis, ke Håkon estas soleca. Li certe ne volas amikiĝi kun "knabetoj", kaj la samaĝuloj pli emas al knabinoj ol al petolaĵoj. Mallonge, li enkoraŭ estas tro knaba. Tion oni ankaŭ povas vidi per la kaverno. Kvankam jaroj pasis post kiam s-ino Mørk cedis la budon al knaba loĝejo por la filo, oni povas studi lian karakteron per la interno.
Jumbo komencis traserĉi la librojn. Ili estas nebinditajn, ĉifonitajn kaj malpurajn, kaj havas la romantikan econ, kiun biblioteko de krimromanoj bezonas. Estas en ĝi dormanta aventurmondo kiu povas kiam ajn esti revekata. La knabo tremblis je ekcito kiam li retrovis la malnovajn konatojn. Rocambole, kun sekretoplena rideto, la ĝentilhoma Arsene Lupin dum eleganta ago, la praforto de Jonas Fjell en lukto kun la malamikoj - kaj malantaŭ ĉio: Håkon.
En tiu ĉi kaverno, en lumo de petrola lampo, la amiko traplugis ĉi tiujn librojn. Per ili li vivis kaj spiris inter la nigraj friponoj kaj noblaj herooj, aŭdis revolverajn pafojn.

tintadon de glavoj, ĉeestis sekretajn konsiladojn kaj solvis profundajn misterojn. Mallonge, li revis sin for de la realeco tute kiel Jumbo. Tamen estis granda diferenco. Dum al Jumbo sufiĉis la revo, Håkon provis ĝin realigi. Li posedis tro da forto kaj volo por vivi ombran vivon de la fantazio. Tial li kreis knabobandojn kaj faris intrigojn laŭ plej bona romanomaniero. Kaj kiam tiu ludo ne plu estos kontentiga, li certe eĉ povos serĉi la aventuron kiel krimulo...
En la sama momento Jumbo sciis, ke pri tio li ja pensis la tutan tempon. Ĉu eble Håkon mem ŝtelis la ponardon? Li bezonis la monon, ĉar lia patrino malsanas...
Li forŝovis la pensojn. Li ne volis maljuste juĝi la amikon. Kial ne fidi la rakonton pri la nekonatulo?
Paŝoj aŭdiĝis. Håkon envenis.
"Ĉu vi trovis kelkajn librojn?" li demandis.
Jumbo ne respondis, sed iris pli proksimen.
"Aŭdu," li ĝenite diris. "Ĉu ni fariĝu amikoj, veraj amikoj?"
Unue Håkon surpriziĝis, poste venis preskaŭ feliĉa esprimo en lia vizaĝo.
"Vi pravas. Ni iĝu veraj amikoj."
Je tio ili manpremis.

LA VERANDA ŜLOSILO.

"Strange kiom vi amikiĝis kun Håkon," diris Harald dum li kaj Jumbo kune iris en la lerneja korto.
"Håkon estas bona knabo", diris la amiko sen respondi.
"Jes, tion ankaŭ mi ĉiam opiniis, kvankam li havas kelkajn adaĉajn ideojn. Sed antaŭ kelkaj tagoj vi furiozis al li pro la incitado..?"
"Tiam mi ne konis lin. Oni devas unue proksimiĝi."
"Sed tio ne estas facile. Li estas iu fanfaronulo."
Jumbo ekridetis. Antaŭ kelkaj tagoj Håkon diris tion pri Harald.
"Sed jen li estas." La amiko kapsignis. "Strange, ke li eĉ ĉe la lernejo gloriĝas nin etulojn per interparolo."
Håkon foriris de Odd Sten, Arne Monsen kaj kelkajn amikojn el la klaso, kaj malrapidis al Harald kaj Jumbo. Li malbone aspektis. Verŝajne la patrino ne pliboniĝis.
"M'tenon" li diris kajiris kun la du. Tuj antaŭ la sonorado al nova leciono, li okulumis al Jumbo, kiu memoris sian promeson. "Harald, ĉu Håkon povas rigardi kelkajn el la malnovaj libroj de via patro? Vi montris ilin al mi iam. Kaj tiaj aĵoj interesas lin."
"Certe! Se li vere ŝatas tian rubaĵon, vi povos kuniri tuj post lerneja tempo."
La knaboj do kuniris hejmen. Harald loĝas en bela vilao kun apuda ĝardeno. Li kunprenis la amikojn en ĉambron kun libroj de planko ĝis plafono."
"En ĉi tiu bretaro staras nur malofta̷ĵoj. Precipe la libro tie dekstre estas valora. Sed mi ne komprenas, ke iu volas kolekti tion."
"Devas esti riskoplena havi la librojn ĉi tie?" diris Håkon. "Jena pordo gvidas al verando kun ŝtuparo al ĝardeno, ke ŝtelisto senpene povas eniri."
"Puh, ŝtelistoj nur serĉas monon kaj oron kaj arĝenton, ne eĉ pensas ke libroj povas havi komercan valoron."
"Jes, certe vi pravas."

Fervore, sed singarde, Håkon trarigardis la librojn. Kaj li ankaŭ trovis intereson je aliaj aferoj ĉirkaŭ si. Kvazaŭ hazarde li puŝis la pordon al la apuda ĉambro. Li tuj refermis ĝin sed tiam jam sciis, ke tie la laborĉambro de direktoro Torpe estis.

La knaboj interparolis pri ĉiaj temoj, kaj Harald menciis, ke li iros al festeneto kun sia familio en la vespero. Jumbo nur duone aŭskultis. Li sentis strangan premon, sed ne sciis pro kio. Verŝajne la mensa streĉo pro la lastatagaj aventuroj.

Tuj antaŭ la foriro, li vidis, ke Håkon staris ĉe la veranda pordo kun la ŝlosilo. Li ne pensis pri tio, kaj nur horoj poste li ekkomprenis kion povas signifi la granda intereso de Håkon pri la raraj libroj de direktoro Torpe.

Li tine ekstaris de sia laboro. Ĉu eble? Malgrandaj impresoj de la mallonga vizito ekhavis sian signifon: La aludo de Håkon al risko de ŝtelo, lia subita atento kiam Harald rakontis, ke la domo estos senhoma dum la vespero, la veranda ŝlosilo...

Jumbo foriris de la lernejaj taskoj kaj ekrapidis. Kelkajn minutojn poste li sonorigis ĉe la pordo de direktoro Trope.

Harald malfermis.

"Mi kredas, ke mi perdis mian monujon, eble ĝi povas esti ie ĉi tie," li ekklarigis, sed eĉ antaŭ ol li finparolis Harald ekridegis.

"Jen la plejbono de la tago! Håkon ĵus estis ĉi tie, ĉar li perdis sian ŝlosilarujon en la biblioteko. Li trovis ĝin ĉe la veranda pordo."

Jumbo miris. Kion signifas tio? Ĉu Håkon vere perdis la ujon, aŭ....?

"Eble mia monujo troviĝas tie?"

"Certe". Harald ankoraŭ ridadis dum li gvidis la amikon en la bibliotekon. La grandioze montris per la mano, kaj la ŝercemo lumis en la okuloj: "Jen la magika ĉambro, kie ĉio malaperas."

"Povos fariĝi vero antaŭ ol vi kredas" la alia pensis.

Ili serĉis la monujon, sed - nature - vane. Tamen Jumbo nun sciis, kion li volis scii. La veranda ŝlosilo estis tie.

Li spiris pli facile. La pensoj do estis nejustaj.

"Ne, ĉi tie ne estas iu monujo. Pardonu ke mi venis, ĉar vi ja devos baldaŭ foriri."

"Jes, post duona horo."

Jumbo penseme foriris. La ŝlosilo estis tie, bone. Sed...

Oni ne bezonas longan tempon por kopii ŝlosilon.

## LA ŜTELO.

La horloĝo de proksima preĝejo batis dek-du. La sono tonis longtempe en la trankvila nokto. Kiam ĝi formortis, la strato iel duoble estis sola kaj forlasita.

Håkon Mørk trankvile paŝadis sur la trotuaro antaŭ la ĝardeno de direktoro Torpe. Oni povus kredi, ke li iris sencele, ĉar la mallumo kaŝis la firme fermitajn lipojn kaj la ardon de la okuloj. Neniu povus kredi ke la antaŭenkurbiĝo de la korpo ne estis laceco, sed koncentriĝo. Li sin sentis rabobesto ĵus antaŭ ĝi sin ĵetis al la kolo de sia ofero, kaj la sento estis agrabla.

Tuj ekster la lumcirklo de strata lampo li singarde haltis. En la malhela surtuto li estis preskaŭ nevidebla ĉe la barilo.

## INTERPRETISTA' INSIGNO

Dum multaj jaroj britaj skoltoj rajtis porti ne nur interpretistan insignon, sed *ankaŭ specialan emblemon por indiki la lingvon.* Post profunda reorganizo de la insigna sistemo oni ne plu rajtas uzi tiajn simbolojn. Ne temas pri atako kontraŭ Esperanto, sed pri racionaligo de la tuta afero. Tamen la SEL-prezidanto protestis kontraŭ tiu "retropaŝo" kaj ricevis ĝentilan respondon.

## ESPERANTO EN TENDARO

Dum multaj jaroj ni revis pri uzo de Esperanto en skolta tendaro. Nun tio okazos: Brita komisaro, ne-esperantisto, petis la helpon de S.E.L. Li spertis, ke la scioj de ne-anglaj skoltoj pri angla lingvo estas tro malgrandaj al vera kontakto. Tial li deziras, ke Esperanto estu dua lingvo de tendaro en Essex 27.7 - 3.8. 1968.

La komisaro atendas partoprenantojn el Aŭstrujo, Germanujo, Italujo, Nederlando, Norvegujo - kaj el aliaj landoj.

Kiel ni utiligu ĉi tiun eblecon? Ĉiu opa el ni pripensu tion. Gi ne estu perdita ŝanco!

Laŭ nunaj informoj oni uzos nian lingvon en Diservo, en konkursoj kaj en ĉiutaga gazeteto.

Eĉ se ni ne scias, ĉu iu ajn skolto el propra lando vojaĝos al la brita tendaro, ĝi donas al ni unikan eblecon sur nacia nivelo:

Jen oficiala agnosko de nia lingvo, de ties utilo al skoltismo sur internacia nivelo kiam temas pri frateco.
Substreku tion al la skoltoj kaj al skoltestroj: Estas brita altranga skolto kiu iniciatas ĉion!

Ankaŭ al la kolumnoj de via nacia skolta gazeto tio devas krei eniron. Jen vi povas informi, ke "La Skolta Lingvo" ekzistas.

Se iuj el via lando iros al la tendaro, nepre ne forgesu ilin - sed montru al la eblecoj lerni Esperanton!





# ĈE LA FAJR'

ni kunvenas por havi plej agrablan tempon.
Sed la fajro ne estas sendanĝera – oni devas ne ludi kun ĝi.
Same: Dio estas fajro. Ĉe Li estas la plej bona loko resti. Sed oni ne rajtas ludi – la kredo ne estas ludilo.
Dio invitas nin: Venu – kaj ricevu benon.
Tion faru. Preĝu sincere, vi neniam pentos je tio.

## LA KOLUMO DE DINIZULU



En la jaro 1888 Baden-Powell ricevis donacon de la reĝo de zuluanoj, Dinizulu. Estis kolumo kun pli ol 1000 lignaj "perloj". En 1919 B-P serĉis konvenan distingilon por skoltestroj, kiuj trapasis skoltisman kurson, kaj prenis ledan ŝnuron kaj alnodis du tiajn perlojn, kaj tiel li kreis "Wood Badge".
Nun oni rekreis la kolumon de Dinizulu. Roveroj en Natalo kune kun indiĝenaj zuluaj skoltoj dum monatoj laboris, kaj faris kvar kopiojn de la longa kolumo.
(Laŭ informo de VELD LORE.)

## NOTOJ

Carlos Aŭgusto Rath, Brazilo, skribas: "En la pasinta jaro dum la tendaro ni ricevis vian mesaĝon. Kaj ni, kelkaj skoltoj de Lages, lernas Esperanton kun s-ro P. Burger. Ni esperas, ke aliaj skoltoj de nia ŝtato faros la samon. Ni ankaŭ esperas, ke pro la ĵusfondo de Brazila Esperantista Junular-Organizo multaj skoltoj brazilaj iĝos Esperantistoj."

KIEL.
Se vi volas same agi, memoru la kurson de Eŭrosel: Laborista Esperantisto donis afablan recenzon: "La kurso estas speciale por skoltoj kompilita kaj estas tre konvena... Ne kredeble, sed la 3 unuaj libretoj enhavas sur 34 paĝoj proksimume 500 diversajn vortojn..." Mendu ĝin ĉe la ĝenerala sekretario.



Limtempo.
Ni denove rememorigas, ke manuskriptoj al La Skolta Mondo estas bonvenaj ĝis la deka en la dua monato de la jarkvarono – do la dekan de majo.

Maldekstre:
Ĉu vi enamiĝis al skolto?

## SKRIBU AL:




Antonio Skladal, Husitska 36, Praha 3, Ĉeĥoslovakujo - kiu deziras amikecan interŝanĝadon de poŝtmarkoj, maksimalkartoj kaj interesaj bildkartoj kun la tuta mondo.

Maria Nemeth, Timur u 32, Budapest XVI Hungarujo, 11-jara lernantino.

Agnes Szunyogh, Menyhert n 24 b, Budapest, Hungarujo, 11-jara lernantino.

Imre Erdelui, Baross u 196, Budapest XVI 10-jara lernanto kaj lia ĝemelo Sandor Erdelui, sama adreso.

Leĥ Pilĥ, I L.O. ut Pouiatovski 9, Vroclavo, Pollando. Li estas 16-jara knabo kiu deziras korespondi kun ĉiuj pri ĉio.

**gepatra bulteno**

Ni ricevis numeron de Gepatra Bulteno. Ĝi estas ligilo inter familioj, kiuj uzas aŭ volas uzi Esperanton en la hejmo. Redaktoro Derrick P. Faux. Abonebla pere de U.E.A. Jarabono 14 steloj

**ULENSPIEGHEL**

Ni ankaŭ ricevis kajeron de Vulpo - Amsterdam: "Ulenspieghel - tio estas Strigspegulo. En ĝi estas pluraj bildoj el flandra eldono de la komenco de la 16-a jarcento. La nova, esperantlingva, eldono aperas en la vesto de eldonoj tiamaj. Amuza kaj plaĉa. 2 ned gld, aŭ, por eldono kun kolorigitaj ilustraĵoj 3 ned gld.

# DANKON

Ni dankas al Larry Greene pro lia laboro kiel N.R. Li ne povas plu plenumi tiun taskon.
Ni bonvenalutas lian posteulon, Ken Collins, 433 St. Dunstan Way, Winter Park, Florida, 32789, Usono.
Nia nova N.R. por Usono estas 16-jara studento, li estas metodisto, skoltiĝis 1963 kaj eklernis Esperanton 1967. Kiel studento li ankaŭ lernas germanan kaj francan. Li estas membro de "Boy Scouts of America" kun la rango "stelo". Jam nun ses skoltoj de lia trupo lernas de li Esperanton.
Nian dankon ni rektas al ili ambaŭ : pro labore farita kaj farota, pro la havigo de posteulo kaj la akcepto de la tasko.
Ankaŭ en Italujo okazis ŝanĝo: Pietro Ferrara eksiĝas.
Anstataŭe venas Franco Tulone, Via Frangipene 8, 92019 Sciacca Agrigento. Li estas 48-jara instruisto, edzo kun unu infano. Li estas grupestro kaj Provinca Vic-Komisaro, skoltiĝis 1965, estas esperantisto de 1954. Delegito de UEA.
Al ili nian saman dankon!

# KAJ BONVENON